# der esperantist

**Mitteilungsblatt der Esperantofreunde im Kulturbund der DDR**

12. Jahrgang / Nr. 80 (6/1976) 30 Pf


## Kulturbund der DDR nach dem IX. Parteitag

**In seiner bedeutsamen Sitzung am 24. 9. 1976 in Berlin beschäftigte sich der Präsidialrat des Kulturbundes der DDR mit den Aufgaben der Organisation nach dem IX. Parteitag der SED. In seinem Hauptreferat arbeitete der 1. Bundessekretär des Kulturbundes, Dr. Karl-Heinz Schulmeister, folgende Hauptaufgaben heraus:**

1. **Der Kulturbund wird seine Bemühungen verstärken, mitzuhelfen, daß die führende Rolle der Arbeiterklasse im kulturellen Leben der DDR insgesamt weiter ausgeprägt wird.**
2. **Eine zweite Hauptrichtung in der Tätigkeit des Kulturbundes besteht darin, die internationalistische Arbeit noch zielstrebiger zu entwickeln und fortzusetzen.**
3. **Die Mitglieder und Leitungen der sozialistischen kulturellen Massenorganisation werden einen der wachsenden Rolle der Wissenschaft gemäßen Beitrag zur Aneignung der neuesten Kenntnisse und Erkenntnisse der Wissenschaft leisten und das interdisziplinäre Gespräch fördern.**
4. **Die Aufgabe des Kulturbundes nach dem IX. Parteitag besteht weiterhin darin, mit dafür zu sorgen, daß auch in Zukunft ein gutes Klima für die Entwicklung der Künste in den Städten und Gemeinden herrscht und das Schaffen der Künstler und Schriftsteller bekannt gemacht wird.**
5. **Es gilt nach wie vor große Aufmerksamkeit der Pflege des Erbes. Somit sollen alle Bemühungen gefördert werden, die dazu dienen, die Traditionen der revolutionären deutschen und internationalen Arbeiterbewegung sowie die humanistischen Leistungen der Weltliteratur zu vermitteln und sich diese anzueignen.**
6. **Im Zusammenhang mit der Entwicklung der sozialistischen Lebensweise, so hob der Redner hervor, wird der Kulturbund der DDR dazu beitragen, daß die geistigen und kulturellen Bedürfnisse und Interessen der Werktätigen nicht nur ständig wachsen und immer besser befriedigt werden, sondern sich diese auch immer vielseitiger gestalten.**

**Die Esperantisten im Kulturbund der DDR haben auf ihrer II. Zentralen Konferenz, die vom 5. – 7. 11. 1976 in Leipzig stattfand, darüber beraten, wie auch sie mit ihrer spezifischen Tätigkeit dazu beitragen können, diese Aufgaben zu erfüllen.**

# VIIa Ĝenerala Konferenco de MEM en Ruse

La ĉedanuba bulgara urbo Ruse gastigis la 13-an de julio 1976, do senpere post la fino de la 39-a Kongreso de Bulgara Esperanto-Asocio, la pli ol 50 delegitojn de la VII-a Ĝenerala Konferenco de Mondpaca Esperantista Movado. Partoprenis la konferencon ankaŭ delegitaro de la MEM-sekcio de GDR, kiu konsistis el Rudi Graetz, Ludwig Schödl, Jürgen Hamann kaj d-ro Detlev Blanke. La ampleksa raporto de la ĝenerala sekretario Drahomir Koĉvara montris, ke estis farita vere bona agado dum la lasta laborperiodo post la VI-a Konferenco en Beogrado 1973. Menciindas speciale la kontrakto inter Monda Packonsilantaro kaj MEM, kiu i. a. rezultigis, ke pluraj landaj MEM-sekcioj povus establi pli firmajn kontaktojn al la naciaj packonsilantaroj kaj tien eĉ sendi sian oficialan reprezentanton. Dank' al la modela agado de la bulgara MEM-sekcio, la oficiala organo de MEM „Paco“ komencis regule aperadi en 6-kajera serio.

La mankojn forigendajn, kiuj ankoraŭ ekzistas en la agado de MEM kaj la antaŭstarantajn novajn taskojn la delegitoj listigis en rezolucio, kiun ni sube publikigas.

Krome oni elektis novajn gvidorganojn de MEM. La delegitoj denove reelektis kiel prezidanton la meritplenan bulgaran socian aganton Nikola Aleksiev, kiu gvidas MEM jam pli ol 12 jarojn. La vicprezidantoj fariĝis d-ro Renato Corsetti, Italio kaj prof. M. I Isaev, Sovetunio. Por la posteno de ĉefredaktoro de „Paco“ oni elektis la ĵurnaliston Violin Oljanov tiel konsiderante la fakton, ke „Paco“ aperadas en Sofio. Al la ĝisnuna ĉefredaktoro William Gilbert en Francio la konferenco dankis pro la ĝis nun farita abnegacia laboro por „Paco“. Lin oni elektis kiel ĝeneralan sekretarion. La du sekretariaj postenoj estis konfiditaj al Drahomir Koĉvara (ĈSSR) kaj Hideo Kumaki (Japanio). Centra Administrantino elektiĝis Vasilka Cvetkova, Sofio. Kiel estroj de la komisionoj de la Internacia Komitato elektiĝis: 1. Pacpolitiko: Nikola Aleksiev, 2. Eksteraj rilatoj: prof. S. N. Podkaminer, 3. Eldonoj kaj propagado: H. Fuchs, 4. Junularo: Eva Tofalvi, 5. Virina agado: Milada Joskova, 6. Kulturo: O. Knichal. El GDR elektiĝis kiel membroj de la Internacia Komitato de MEM: Rudi Graetz, Ludwig Schödl, Ingrid Schödl, Hella Sauerbrey, Jürgen Hamann, Helmut Fuchs, d-ro Detlev Blanke.

Per speciala salutletero al la Bulgara Pacdefenda Komitato la partoprenintoj dankis pro la malavara subteno, kiun ĝi donis al la konferenco. Krome estis senditaj leteroj al la Monda Packonsilantaro kaj al Vjetnama Pacdefenda Esperanto-Asocio. La bulgara televido kaj gazetaro same kiel la radio-stacioj vaste raportis pri la konferenco.

Fine, sed ne laste elkoran dankon al la gastama bulgara MEM-sekcio, kiu ebligis la okazigon de la konferenco.

Partopreninto



*La Prezidanto de MEM,*
*Nikola Aleksiev, Bulgario*



*La Ĝenerala Sekretario*
*de MEM,*
*William Gilbert, Francio*

## Salutletero de la VII-a Ĝenerala Konferenco de MEM al Monda Packonsilantaro en Helsinki

La partoprenantoj de la VII-a Ĝenerala Konferenco de Mondpaca Esperantista Movado (MEM) kunvenintaj en la urbo Ruse (Bulgario), salutas vin en la nomo de MEM kaj ties landaj sekcioj. La konferenco pritraktis la porpacan aktivecon de la esperantistoj de post la lasta VI-a Konferenco en Beogrado (1973) kaj notis la atingitajn rezultojn. Oni substrekas precipe la kontribuon de MEM al la realigo de la platformo de la Monda Packongreso en Moskvo (1973) kaj de la interkonsentoj subskribitaj inter MPK kaj MEM.

En tiu spirito MEM daŭrigas sian laboron subtenante ĉiujn gravajn iniciatojn de MPK, inter ili speciale la amasan subskriban kampanjon por la nova Stockholma Alvoko.

Ni esprimas nian firman konvinkon pri la plua reciproka kunlaboro inter niaj movadoj.

*Ruse, 13. 7. 1976* *De la konferenco*

## Al Vjetnama Pacdefenda Esperantista Asocio, Hanojo

Tre karaj vjetnamaj amikoj!

La VII-a Ĝenerala Konferenco de MEM, okazinta la 13-an de julio 1976 en Ruse, Bulgario, aŭskultis kun granda intereso en la raporto de la Ĝenerala Sekretario pri viaj sukcesoj en la porpaca batalo kaj la multflanka internacia solidareco kun via lando. La Konferenco esprimas al vi sian profundan kontenton pri la historie gravega ĵus okazinta reunuiĝo de via patrolando, lando, kiu devis doni tiom da oferoj por sia libereco kaj reunuiĝo. La konferencanoj substrekis la firman pretecon, ankaŭ estonte daŭrigi la ĉiuflankan solidarecon kun via heroa vjetnama popolo.

*Ruse, 13. 7. 1976* *De la konferenco*

# Rezolucio
## de la Ĝenerala Konferenco de MEM

*La VII-a Ĝenerala Konferenco de MEM okazis en favoraj kondiĉoj. La nuntempa monda situacio estas esperplena por la celoj de la pacbatalo. La spirito de Helsinki kaj la principoj de la Fina Akto aprobita en la Tuteŭropa Konferenco por Sekureco kaj Kunlaboro permesas al la pacfortoj pliaktivigi sian agadon por plua malstreĉiĝo en la internaciaj rilatoj kaj por senarmigo.*

*La registritaj sukcesoj de MEM en la realigo de la decidoj de la VI-a MEM-Konferenco (Beogrado, julio 1973) montras la vivkapablon de MEM kiel digna reprezentanto de la pacama esperantistaro en la aktiva pacbatalo, vivgrava por la homaro.*

*Sed en nia praktika agado renkontiĝas seriozaj malperfektaĵoj kaj mankoj. En la sekvonta periodo ĝis la VIII-a Ĝenerala Konferenco de MEM niaj klopodoj devas esti direktitaj al ĉiuflanka plibonigo de nia MEM-aktivado.*

**La VII-a Konferenco de MEM**
**DECIDIS:**

1. En la kondiĉoj de plua malstreĉiĝo de la internaciaj rilatoj surbaze de la Helsinkia Konferenco (1975) intensigi la klopodojn de la landaj sekcioj, komitatoj kaj perantoj de MEM por daŭra partoprenigo de la esperantistaro al diversformaj aktivecoj favore al la paco en kunlaboro kun la esperantistoj kaj neesperantistoj landaj kaj internaciaj organizoj kaj movadoj, kiuj subtenas la platformon de la Monda Kongreso de Pacamaj Fortoj en Moskvo (1973).

2. Aktive partopreni la kampanjon por kolektado de subskriboj por la nova Stockholma alvoko (1976) ĉu memstare, ĉu en kunlaboro kun aliaj pacorganizoj kaj movadoj — esperantistaj kaj neesperantistaj, laŭ la lokaj kondiĉoj.

3. Garantii la partoprenon de prestiĝaj delegitaroj de MEM en gravaj antaŭstarantaj mondaj aranĝoj: Monda Konferenco pri Evoluo en Budapesto (8.—11. 10. 1976), Internacia Packongreso en Varsovio (majo 1977) k. a.

4. Plue firmigi la kontaktojn de landaj MEM-organoj kun la koncernaj komunaj organoj de la landa pacmovado surbaze de la konata Komuna Deklaro inter Monda Packonsilantaro kaj MEM, subskribita en Moskvo (1973).

5. Fari sistemajn paŝojn por daŭra plialtigo de la organiza nivelo de MEM, instigante al pli aktiva agado la landajn MEM-organojn, kreante novajn landajn sekciojn, komitatojn kaj perantojn de MEM, reorganizante la konsiston de la MEM-komisionoj, utiligante pli sisteme ol ĝis nun la paĝojn de „La Pacaktivulo" por stimuli la organizan laboron kaj interŝanĝon de sperto en diversaj sferoj de la MEM-agado.

6. Prepari kaj efektivigi iniciatojn lige kun la en 1978 antaŭstaranta dudekkvinjara jubileo de Mondpaca Esperantista Movado (1953—1978).

## La nova prezidanto de BEA: Ĥristo Gorov



*Kiel ni jam raportis en „der esperantist" 79 (5/76) la delegitoj de la 39a Kongreso de Bulgara Esperanto Asocio elektis kiel novan prezidanton kameradon Ĥristo Gorov.*

*K-do Gorov estas malnova aktivulo de la komunista kaj laborist-esperantista movado, redaktis diversajn esperantlingvajn kaj bulgarajn politikajn gazetojn. Multajn jarojn li laboris kiel kulturpolitikisto en la CK de Bulgara Komunista Partio kaj en la Registaro. El lia plumo venis pli ol 1o libroj kaj diversaj scenaroj por filmoj pri la kontraŭfaŝisma partizana batalo en Bulgario.*

## Programo de Socialisma Unuigita Partio de Germanio en Esperanto

La konata tradukisto d-ro Karl Schulze surprizis per nova grava traduko. Li ĵus prezentis al CLE la kompletan esperantlingvan version de la „Programo de Socialisma Unuigita Partio de Germanio", kiu estis akceptita de la delegitoj de la IX-a Partia Kongreso de SUG. CLE multobligos tiun valoran materialon kaj ĝin disponigos al la grupoj.

---

(resto de paĝo 4)

7. Altiri la atenton de la redakta komitato de „Paco" al la plua perfektigo de la eldonado kaj redaktado de la MEM-organo, garantiante variecon kaj internaciecon de la enhavo per pli regula kontribuado de materialoj fare de la landaj organoj de MEM aŭ de apartaj kunlaborantaj aktivuloj.

8. Instigi la Eldonkomisionon al entrepreno de novaj paŝoj por eldonado de konvenaj MEM-broŝuroj, de landaj „Paco"-numeroj.

9. Levi la agadon de la Sekretariato kaj de la Internacia Komitato de MEM je la nivelo de la novaj pactaskoj.

* * *

La Konferenco esprimas sian esperon, ke ĉiuj organoj kaj la MEM-anaro subtenon ĉi-tiun rezolucion, por ke MEM povu ankoraŭ pli efike partopreni la pacaktivecon en landaj kaj monda skalo levante sisteme sian prestiĝon antaŭ la pacama publika opinio, tutspeciale antaŭ la Monda Packonsilantaro, sub kies egido ni nepre registros novajn sukcesojn en la pacagado kaj alproksimigos la tempon, kiam la ŝtatoj kun malsamaj sociaj sistemoj povos pace kunekzisti kaj kunlabori en la spirito de la principoj aprobitaj de la Eŭropa Konferenco de Helsinki (1975).

*Ruse, 13. julio 1976*

*Ĝenerala Konferenco de MEM*
*La prezidantaro*

# 61-a Universala Kongreso de Esperanto en Ateno

Ĝi estis kuraĝa kongreso, laŭ la vortoj de d-ro Humphrey Tonkin, prezidanto de UEA. Kaj vere, la malgranda greka LKK faris ĉion eblan por la sukcesigo de tiu kongreso, en urbo plena de klasikaĵoj kaj modernaĵoj, Ateno. Certe oni ne troigas, dirante, ke tiu kongreso apartenas al la plej sukcesaj. Partoprenis ĝin pli ol 1350 esperantistoj el 51 landoj, do rekorda nombro de reprezentitaj landoj. „Ni kongresas la unuan fojon en Ateno. Ni kongresas la unuan fojon en Grekujo. La juna kulturo de la Internacia Lingvo salutas la antikvan kulturon de la grekoj. En la stratoj, kie promenis Sokrato, Platono, Esĥilo, Sofoklo, Aristofano, aŭdiĝas la Internacia Lingvo Esperanto“ Tiel estis la unuaj frazoj de la festparolado de la prezidanto de UEA. Ankaŭ tiu kongreso reflektis la fakton, ke la internacia Esperanto-movado gajnas pli kaj pli da prestiĝo internacia kaj mem pli kaj pli sukcese trovas novajn vojojn de la agado serve al ĝiaj multflankaj celoj.



*Parolas la prezidanto de UEA d-ro Humphrey Tonkin. Sidas en la prezidio S. Swistak, E. J. Woessink (ambaŭ estraranoj de UEA), kaj prof. d-ro V. Peevski, rektoro de la Internacia Somera Universitato*

La profunde kultura kaj ankaŭ scienca profilo de ĉi-tiu kongreso estis kontribuo, se ankaŭ ne kiel tia esprimtia, al la celebro de la 30a datreveno de la fondiĝo de UNESCO, kun kiu UEA ja havas daŭre plifirmiĝantajn rilatojn. Certe ankaŭ pro tiu fakto, la Ĝenerala Direktoro de UNESCO sendis tre amikan mesaĝon al la kongreso, kiu reagis per rezolucio okaze de la jubileo.

La imponan inaŭguron de la kongreso en Hilton-hotelego de Ateno partoprenis diplomatiaj reprezentantoj el 13 landoj, inter ili el Bulgario, Pollando kaj Germana Demokratia Respubliko (la konsulo s-ro Bochmann).



*En la unua vico de dekstre maldekstren: R. Graetz, s-ro Bochmann, d-ro D. Blanke, B. Ragnarsson (prezidanto de LKK en Islando.)*

Unu ĉefa temo de la 61-a estis „Internacia kunlaboro de ŝtatoj je regiona nivelo". Ĝi estis traktita dum diversaj kunvenoj kaj en prelego de la vicprezidanto de UEA, d-ro Werner Bormann, kiu atentigis pri tio, ke la multlingveco en la grandaj internaciaj ŝtato-grupiĝoj kondukos fine al sakstrato. De speciala graveco por la traktado de tiu-ĉi grava temo estas la fakto, ke la Fina Akto de Helsinki ankaŭ aperis en Esperanto, eldonita de la Ĉeĥoslovaka Packomitato kaj la Slovaka Packonsilantaro. La prezidanto de UEA en speciala numero de „Konsilaro pri Esperanto-agado" kaj krome dum la kongreso mem traktis la Finan Akton en sia signifo por la internacia Esperanto-movado. La dua ĉefa temo, movadrilata, estis „Kiel nuntempe argumenti por Esperanto". Sur podio vico da elstaraj agantoj de la Internacia Lingvo diskutis kun amasa aŭskultantaro pri tiu-ĉi temo. Certe necesas reveni al tiu problemaro.

La komitato de UEA kun 50 ĉeestintaj membroj tre efike agadis, kaj en plena harmonio. En sia kunsido, ĵaŭde la 5-an de aŭgusto, ĝi akceptis tri novajn landajn asociojn, kiuj estonte plifortigos Universalan Esperanto-Asocion. Temas pri Sudkoreia Esperanto-Asocio, la Asocio de Esperantistoj de Slovaka Socialisma Respubliko kaj Centra Laborrondo Esperanto en Kulturligo de GDR (pli precize oni devus vorti: Esperantistaro en Kulturligo de GDR, kies plej alta gvidantaro estas ĝuste Centra Laborrondo).

Per 45 por-aj, 4 kontraŭaj kaj unu sindetena voĉoj la komitato per tiu decido faris plian paŝon al la universaleco de UEA. La prezidanto de CLE, Rudi Graetz, tuj prenis sian lokon en la komitato.

Bilancante la agadon de UEA ekde Hamburgo (1974) inter la diversaj sukcesoj elstaras la fakto, ke la estraro de UEA sukcesis forigi la akutan danĝeron de financa bankrotiĝo, antaŭ kiu tiutempe staris UEA.

Kiel dirite, la kongreso ankaŭ havis elstaran kulturan profilon. Estis aljuĝitaj multaj premioj al partoprenintoj de la Belartaj Konkursoj.

La Bulgara Esperanto-Teatro plian fojon sukcesis kapti la spektantojn per sia arto prezentante la spektaklon de Molière „La lernejo de virinoj". Krome potenca bulgara koruso el Târgoviŝte ravis la aŭskultantojn. Japanoj prezentis japanstilajn dancojn. Magiisto el Luksemburgo montris sian arton. La greka artvespero peris unikan ĝuon. Kaj vere impona estis la Internacia Arta Vespero, kiun partoprenis tiaj elstaraj profesiaj kantistoj kiel V. Damjanov, Maria Angelova el Sofio kaj Margret Hill el Londono. La konata poeto esperantista William Auld montriĝis ne nur kiel lerta anoncisto sed ankaŭ kiel bona deklamanto.

Novaĵo de la kongreso ankaŭ estis primovada kvizo, kiun gajnas post longaj bataloj la italo d-ro Carlo Minnaja.

La Internacia Somera Universitato, rektorita de la konata bulgara sciencisto prof. d-ro Vasil Peevski prezentis dum sia sesio aron da valoraj prelegoj, ĉiuj pruvantaj la plenan taŭgecon de Esperanto por sciencaj celoj.

D-ro Wells lekciis 4-foje pri la temo Esperanto kaj lingvistiko. Pliaj temoj estis „Entiriĝo de kulturpolitiko en nur ekonomian integriĝon" (d-ro W. Bormann), „La terminoj de alparolo kiel socilingvistika problemo" (M. Duc Goninaz, „Lingvo kaj identeco" (d-ro J. Pool), „La pozicio de la islanda literaturo en la literaturo monda" (B. Ragnarsson), „Kibernetiko kaj homa lernado" (prof. Helmar Frank), „Originoj de la vivo" (prof. S. Kawamura), „Ĝenerala superrigardo je la vitaminoj" (prof. A. Wenclewski), „Kial kelkfoje maraj moluskoj fariĝas venenaj" (prof. Støp Bowitz), „La teatra parolformo" (B. Beleva), „Grekaj popolaj kantoj en la traduko serba" (d-ro M. Stojanoviĉ), „Lingvo kaj kulturo" (W. Auld). Ĉiun prelegon sekvis seminarioj por la aŭskultantoj. Centro de Esploro kaj Dokumentado pri la Monda Lingvo-Problemo (CED), intense diskutis sian estontan profilon, la aktualajn kaj perspektivajn projektojn. Pri la agado de CED ni baldaŭ prezentos en nia revueto iun superrigardon.

Kompreneble ne mankis kunvenoj de la multaj fakgrupoj, kiel kutime, inter ili tiu de la fervojistoj, matematikistoj, juristoj, medicinistoj, muzikistoj, poŝtistoj, sciencistoj k. a. En aparta kunveno MEM sub la prezido de sia vicprezidanto d-ro Renato Corsetti traktis aktualajn problemojn de senarmigo kaj sin esprimis por la solvo de la Cipro-proplemo laŭ UNO-decidoj.

La 62-a Universala Kongreso okazos 1977 en Reykjavik, la ĉefurbo de Islando. Kaj la 63-a estos en Varna, la urbo ĉe la Nigra Maro.

---

**De prof. Waringhien**

Ni havas la ĝojon transdoni al niaj legantoj la salutojn de prof. Waringhien, prezidanto de la Akademio de Esperanto. Prof. Waringhien atentigas, ke li ne naskiĝis la 20-an sed la 29-an de julio. Ni petas pardonon.

La red.

**Korekto al „der esperantist" 5/76**

Sur paĝo 9 la 4-a linio de malsupre devas teksti ĝuste: Jes, mi partoprenas la diskutojn pri la estonta profilo de Centro de Esploro kaj.

# Rezolucio 1 de la 61-a Universala Kongreso de Esperanto

*La 61-a Universala Kongreso de Esperanto, kunveninte en Ateno, Grekujo, de la 31-a de julio ĝis la 7-a de aŭgusto 1976 kaj diskutinte kiel ĉeftemon La Internacian Kunlaboron de Statoj sur Regiona Nivelo,*

**notas**

1. La kreskantan kaj salutindan kunlaboron inter ŝtatoj en samaj geografiaj regionoj;

2. La ofte esprimitan deziron de la ŝtatoj en samaj regionoj evoluigi siajn interrilatojn per pacaj rimedoj kaj en harmonia kunlaboro, anstataŭ per konfrontiĝo kaj malamikeco;

3. La antaŭvideblan intensiĝon de tiuj regionaj interrilatoj en la estonteco;

**atentigas**

1. Ke esenca elemento en la ĝusta kaj justa rilatado de la ŝtatoj estas egaleco de lingvoj, kiel nun penas apliki certaj internaciaj regionaj organizoj;

2. Ke tiu lingva egaleco estas tre multekosta kaj neefika se ĝi ne estas atingata per ponta lingvo, kiu neŭtrale ligu la diversajn ŝtatojn-membrojn;

3. Ke la neŭtrala kaj esprimkapabla Internacia Lingvo Esperanto reprezentas idealan tian pontan lingvon, taŭgan por oficiala utiligo en internaciaj organizoj;

4. Ke Esperanto, pro sia facila lernebleco ankaŭ aparte bone taŭgas por senpera kontaktado inter la ordinaraj civitanoj de najbaraj landoj;

**kaj alvokas**

1. Al la diversaj internaciaj regionaj organizoj, ke ili studu la eblecon utiligi Esperanton kiel lingvon de dokumentado kaj eventuale lingvon de administrado kaj debato, kaj ke ili antaŭenigu ĝian utiligon en la propraj regionoj;

2. Al la diversaj ŝtatoj, ke ili antaŭenigu la instruadon kaj utiligadon de Esperanto por ĉiaj homaj kontaktoj inter lingvaj grupoj el la koncernaj regionoj;

3. Al la regionaj organizoj kaj la unuopaj ŝtatoj, ke ili komune realigu la jam ekzistantajn interkonsentojn kiuj celas faciligi la homan kontaktadon trans naciaj limoj kaj la redukton aŭ eliminon de lingvaj baroj aŭ lingva diskriminacio.

*Mesaĝo de la Ĝenerala Direktoro de UNESCO al la 61-a Universala Kongreso de Esperanto:*

## M'Bow: Mi forte esperas, ke tiuj rilatoj plifortiĝos

*Okaze de la 61-a Universala Kongreso de Esperanto, estas por mi plezuro saluti en la nomo de UNESCO la Universalan Esperanto-Asocion kaj la partoprenantojn de la Kongreso.*

*Kiel interŝtata organizaĵo kun 136 suverenaj ŝtatoj-membroj UNESCO plene konscias pri la problemoj de komunikado kaj interkompreniĝo, kiujn kaŭzas la multeco de la lingvoj uzataj tra la mondo, kaj konscias same pri la kultura riĉo, kiun ili prezentas.*

*La grandaj celoj de Universala Esperanto-Asocio rilate la faciligon de internaciaj intelektaj interŝanĝoj por pli bona komprenemo inter la popoloj respondas al tiuj de UNESCO. Estis do nature, ke establiĝu inter la du organizaĵoj amikaj rilatoj, kiujn konfirmis formala interkonsento, kiu starigis konsultajn kaj informajn rilatojn. Mi forte esperas, ke tiuj rilatoj plue plifortiĝos en la venontaj jaroj.*

*La temoj, kiujn pritraktos ĉi-tiu 61-a Universala Kongreso — ĉu tiu de la internacia kunlaboro je regiona nivelo, de regionaj grupiĝoj en la kadro de internaciaj organizaĵoj, de la lingva situacio en tiuj institucioj aŭ de la rolo de lingvoj en evoluigo — ĉiuj tuŝas kampojn tre gravajn por UNESCO.*

*Tial, atendante kun la plej granda interesiĝo la rezultojn de ĝiaj diskutoj, mi prezentas sincerajn bondezirojn por la disvolviĝo de la kongresaj laboroj.*

*Amadou-Mahtar M'Bow*

**Kongresa rezolucio 2**

La 61-a Universala Kongreso de Esperanto, kunveninte en Ateno, Grekujo, de la 31-a de julio ĝis la 7-a de aŭgusto 1976, notas, ke la Organizo de Unuiĝintaj Nacioj pri Edukado, Scienco kaj Kulturo (UNESCO) festos la 4-an de novembro 1976 la 30-an datrevenon de sia fondiĝo.

Gratulante al UNESCO je tiu okazo, la Kongreso rimarkas kun danko kaj atento la gravan laboron faritan de UNESCO dum tiu periodo, kaj deziras al ĝi daŭran sukceson en la antaŭenigo de la edukado, scienco kaj kulturo je tutmonda skalo.

## Esperanto-Komisiono ĉe Rumania Akademio

*En oktobro 1976 fondiĝis en Scienca Akademio de Popola Respubliko Rumanio en Bukarest Komisiono por Esperanto.*

*Ni atendas pliajn informojn.*

# Fina Akto de Helsinki en Esperanto

Aperis en la Internacia Lingvo la Fina Akto de la Konferenco por Sekureco kaj Kunlaboro en Eŭropo. Ĝin tradukis laŭ la slovaka teksto Pavel Rosa. La traduko estas kontrolita laŭ elrusigo farita de sovetuniaj esperantistoj kaj de D. Blanke kaj R. Graetz laŭ la germana aŭtentika teksto. La libreton eldonis Ĉeĥoslovaka Packomitato kaj La Slovaka Packonsilantaro, Bratislava 1976. La broŝuro amplekas 85 klare legeblajn paĝojn kaj estas havebla ĉe Asocio de Esperantistoj en Slovaka Socialisma Respubliko, CS - 89901 - Bratislava, Poŝto 1, pk. D/10, ĈSSR.



**Kongresa rezolucio 3**

La 61-a Universala Kongreso de Esperanto, kunveninte en Ateno, Grekujo, de la 31-a de julio ĝis la 7-a de aŭgusto 1976, diskutis kiel internan ĉeftemon la demandon „Kiel nuntempe argumenti por Esperanto?"

Ĝi notis, ke antaŭ ĝuste dudek jaroj, la 30-an de julio 1956, reprezentantoj de la Informaj Fakoj de UEA, en kunveno en Frostavallen, Svedujo, akceptis Fundamentan Principaron de Informado pri la Internacia Lingvo, kiu fariĝis ŝlosila dokumento en la informaj metodoj de UEA kaj la Esperanto-movado ĝenerale. Tiu Principaro de Frostavallen, kiu enkondukis novan periodon en la Esperanto-informado kaj unuafoje kodigis la plej gravajn principojn, restas aktuala ankoraŭ hodiaŭ. La Kongreso rekomendas al la Esperanto-organizoj je ĉiuj niveloj, al la unuopaj parolantoj de Esperanto, daŭrajn evoluigon kaj aplikon de modernaj kaj trafaj metodoj de informado kaj regulan interŝanĝon de materialoj kaj ideoj sur tiu kampo.



**Seminario de ĈEA en Mělnik**

Pli ol 120 funkciuloj de Ĉeĥa Esperanto-Asocio partoprenis seminarion de la 15-a ĝis 17-a de oktobro 1976 en Mělnik. Kiel eksterlandaj gastoj prelegis Nikola Aleksiev / Bulgario kaj d-ro Detlev Blanke / GDR. La prezidanto de MEM parolis pri la agado de MEM kaj de Bulgara Esperanto-Asocio. D-ro Blanke informis la ĉeestantojn pri la agado de la esperantistoj en Kulturligo de GDR, pri la sciencaj aspektoj de Esperanto kaj alvokis al esplorado de la historio de la laborista Esperanto-movado.

## 32-a Kongreso de TEJO en Tesaloniko

Kiel ĉiujare TEJO ankaŭ ĉijare kongresis, La gastiganto estis la urbo Tesaloniko en Greklando. Pli ol 300 junaj esperantistoj el ĉirkaŭ 30 landoj pritraktis plej diversajn temojn, iel rilatantajn al la kongresa temo „junularo kaj lingvo“. La komitato de TEJO elektis novan estraron, kiu konsistas el jenaj membroj: prezidantino: Claude Nourmont-Moon (Francio): vicprezidantoj: Savas Tsiturides (Greklando), Tibor Vasko (Hungario): ĝenerala sekretario: Brunetto Casini (Italio): sekretario de la komitato: Rita Krips (GDR): estrarano por studenta agado: Walter Żelazny (Pollando): estraranino por lerneja agado: Miroslawa Korniluk (Pollando): estrarano por presaĵoj: Stefan Mac Gill (Novzelando): estrarano por varbado: Paul Peeraerts (Belgio): estrarano por kongresoj: Klaus Schubert (FRG): estraranino por ekstera agado (KER): Janet Sly (Britio).

Estis akceptitaj du kongresaj rezolucioj, el kiuj la unua tuŝis la rolon de la lingvo en la socio, dum la dua certigis pri la apogo de TEJO al la lukto de minacataj lingvoj kaj kulturoj. Krome, la kongreso traktis la Finan Dokumenton de la Eŭropa Junulara kaj Studenta Asembleo, kiu okazis de la 19-a ĝis la 24-a de julio 1976 en Varsovio.



### 26-a Hungara Esperanto-Kongreso

Pli ol 400 delegitoj de Hungara Esperanto-Asocio partoprenis sian 26-an kongreson de la 25-a ĝis la 27-a de junio 1976 en la urbo Komló. Centra Laborrondo estis reprezentita per oficiala delegacio, kiu konsistis el Ernst Schonert kaj Werner Pfennig, ambaŭ membroj de CLE.



### II-a Kongreso de ĈEA

La II-a Kongreso de Ĉeĥa Esperanto-Asocio okazis la 7-an kaj 8-an de februaro 1976 en Praha kaj resumis la aktivecon de la ĉeĥaj esperantistoj ekde la fondiĝo de ĈEA en la jaro 1969. Partoprenis ĉirkaŭ 100 delegitoj kaj gastoj el 56 lokaj grupoj. Reprezentitaj ankaŭ estis la Esperanto-organizaĵoj el Bulgario, Hungario, Pollando kaj GDR. La delegacio de Centra Laborrondo Esperanto konsistis el Rudi Graetz, d-ro Detlev Blanke, Walter Röhner kaj Ruth Schonert. La delegitoj de la Kongreso elektis novan estraron de ĈEA, kiu konsistas el jenaj membroj: *Josef Vitek,* prezidanto; *Drahomir Kočvara* kaj *Fr. Patera,* vicprezidantoj; *Zdenko Křimsky,* sekretario: *d-ro Jaromir Jermář, Linhart Rýznar, Marie Turkova,* membroj de la estraro.

# *Resumo kaj rezultoj*

*En „der esperantist" n-ro 78 (4/76) ni raportis pri la doktoriga disertacio de Detlev Blanke kun la titolo „Planlingvo kaj nacia lingvo, kontribuo por esplorado de iliaj specifaj komunikadaj potencoj, montrita per konfronta komparo de kelkaj problemoj el la vortfarado de Esperanto kaj la germana lingvo". En n-ro 79 (5/76) sekvis la germanlingvaj tezoj kaj ampleksa intervjuo kun la aŭtoro. Ĉi-numere ni finas nian raportadon pri la disertacio publikigante la esperantigitan resumon de la menciita germanlingva disertacio. La paĝoindikoj rilatas al la germana originalo. Iom post iom ni publikigos ankaŭ aliajn ĉapitrojn kaj subĉapitrojn de la disertacio*

* * *

**Resumo kaj rezultoj**

Ni eliris de la tezo, ke por la homo estas tre signife, adapti konscie kaj celkonforme la lingvon kiel instrumenton de la komunikado, pensado kaj ekkonado al la daŭre pligrandiĝantaj sociaj postuloj.

La lingvistika ĉefa problemo ĉi-rilate estas la demando pri la rilato inter spontaneco kaj konscieco (planiteco) en la evoluado de lingvo.

Tiu problemaro daŭre plisignifiĝas. Estis kaj estas ja la tasko, ekzemple, en historie mallonga tempo adapti multajn lingvojn de Azio kaj Afriko al la modernaj komunikadaj bezonoj aŭ pluevoluigi ankaŭ la tradiciriĉajn literaturajn lingvojn en plej diversaj kampoj (ekz. terminologio).

Planita lingvo (planlingvo) en plej alta grado estas produkto de konscia kaj celdirektita interveno de la homo en la sferon de la lingva evoluo kaj estas pruvo pri la ĝusteco de la tezo de Marx/Engels: „ke la individuoj siavice prenos plene sub sian kontrolon ankaŭ tiun produkton de sia specio (la lingvo — D. B.), kompreniĝas de si mem".

Tial la okupiĝo pri la strukturo, evoluo kaj funkcio de planlingvoj estas de principa intereso por la lingvoscienco.

Tiu-ĉi vidpunkto flanke de la lingvo-scienco ĝis nun ricevis nur malmulte da atento.

La prezentata laboro tial volas kontribui, forigi tiun mankon. Ĝi starigas al si la taskon, kompare prezenti kelkajn problemojn de la vortfarado de nacia lingvo (la germana) kaj de la planlingvo Esperanto. La laboro tiel volas kontribui al la esploro de la diferencoj kaj samaĵoj en la strukturo kaj komunikadaj kapabloj de lingvo historie stampita kaj lingvo en la fundamentoj kreita konscie de la homo.

Kiel metodon ni elektis la konfrontan prezenton. La laboro tial ankaŭ volas kontribui al la *ekspluato de la planlingva problemaro por la lingvoscienco.*

Okupiĝante pri internaciaj planlingvoj ni distingis *pragmatan, interlingvistikan* kaj *heŭristikan* aspektojn (p. 3).

Kvankam estas de granda scienca intereso sekvi la funkciadon de planlingvo ĉe la realigo de diversaj praktikaj celoj (pragmata aspekto) kaj pritrakti la multajn problemojn, rezultantajn el la eblecoj de uzo de planlingvo por raciigi la internacian lingvan komunikadon (interlingvistika aspekto), tamen la elirpunkto de mia disertacio estis en la heŭristika aspekto.

Per tio ni precipe celas la fakton, ke internacia planlingvo funkcianta jam jardekojn — kaj tio sole nur koncernas Esperanton — estas „grandkonceptita lingvistika eksperimento" (Achmanova / Bokarev), havanta principan signifon por la klarigo de la demando, en kia grado la homo kapablas konscie kaj laŭplane ŝanĝi sian lingvon aŭ eĉ krei novajn lingvojn.

La okupiĝo pri planlingvoj ebligas gajni vicon da novaj ekkonoj por la lingvoscienco, i. a. tiajn, kiuj plifaciligos prijuĝi, kia grado de reguleco en lingvo estas dezirinda kaj atingebla. La fakto, ke en Esperanto pli ol 80 jarojn funkcias planlingvo en internacia kadro, postulus de la lingvo-scienco i. a. respondojn al la demandokompleksoj:

1. Kiujn komunaĵojn kaj malsimilaĵojn havas tielnomataj „naturaj" lingvoj (naciaj lingvoj) kaj planlingvoj (ekz. Esperanto) rilate al strukturo, evoluado kaj komunikada kapablo?
2. Kiel oni povas prijuĝi la komunikadan kapablon kaj la sukceson en ellerno de nacia lingvo resp. de planlingvo en la rolo de fremda lingvo?
3. Kiujn impulsojn donas la planlingva eksperimento por la konscia formado de naciaj lingvoj?

De eksterordinare grava signifo por la plialtigo de la nivelo de la fremdlingva instruado (instruado de naciaj lingvoj) ankaŭ estus la preciza kontrolo de la supozo, ke la kono de planlingvo konsiderinde akcelas la alproprigon de fremda nacia lingvo (p. 6).

La malmultaj menciitaj problemoj montras, ke la planlingva eksperimento en ĉiuj siaj diversaj aspektoj estas por la lingvoscienco kaj krome por aliaj sciencoj disciplinoj ankoraŭ ekspluatenda.

Tio necesigas kontinuan institutigitan esploradon en nacia kaj internacia kadroj.

La ekspluatado de la planlingva problemo por la lingvoscienco necesigas la klarigon de kelkaj principaj demandoj. Tial por kompreni la demandojn de la lingva planado kaj planlingvoj necesas okupiĝi pri la karaktero de la lingvo. Kvankam tiu demando en nia laboro ne estas vaste diskutita, tamen ni atentigis pri unu problemo, nome pri la influo de la organismo-teorio de Schleicher (p. 9—17) en la lingvoscienco, kies efiko estas pruvebla ĝis la nuntempo.

Komparoj de la lingvo kun organismo, la kontraŭstarigo de „vivaj" kaj „mortaj" kaj de „artefaritaj" kaj „naturaj" lingvoj estas malakceptata kiel neutila por scienca diskuto, ĉar temas pri nocioj nebuligantaj la karakteron de la lingvo. Ili konsiderinde malfaciligis la aliron al la kompreno de la planlingva fenomeno. La agnosko, ke la lingvo estas „signo-sistemo" kun „ila karaktero" implicas ties planigeblon.

La konscia, pli aŭ malpli sistema kaj planita interveno de la homo en la lingvan evoluon estas tre kutima fenomeno kaj pruvebla per multaj faktoj. Kalkuleblas al tio 1. la konscia elekto kaj disvastigo de lingvo (resp. dialekto) al nacia lingvo (p. 17 — 19), 2. la provizo de antaŭe senskribaj lingvoj per skriboj kaj ortografiaj reformoj (p. 20 — 22), 3. la laŭplana kreado de ankoraŭ ne ekzistintaj esprimoj por novaj nocioj (ekz. ĉe „junaj" literaturaj lingvoj kaj en la sfero de la scienca kaj teknika leksiko) kaj la anstataŭigo de antaŭe kutimaj esprimoj per novaj (p. 22 — 27). 4. Ankaŭ la kodigo de lingvaj normoj kaj 5. lingvaj reguligoj cele al ideologia manipulado apartenas al tio. (p. 27)

Speciale klare oni povis montri la planitan intervenon de la homo en la sferon de la lingvo ĉe la ekzemplo de lingvoj de USSR kaj Afriko kaj ĉe la ekzemplo de la norvega, turka kaj indonezia lingvoj. De speciala intereso por la esploro de konscia kaj celdirektita lingvoŝanĝo estas la spertoj de USSR.

La sukceso de lingvodirektaj aŭ lingvoplanaj klopodoj, tiel ni montris, dependas i. a. resp. estas influataj de

1. la ekzisto de objektiva bezono
2. la karaktero de la sociaj kondiĉoj
3. la konsidero de la strukturaj ecoj kaj evolutendencoj de la lingvo
4. la subteno flanke de ŝtataj kaj sociaj institucioj kaj de elstaruloj kun socia influo
5. la kreskanta signifo de la rolo de konscieco ĉe la gvidado de sociaj procesoj
6. la rolo de la scienco (p. 27 — 30)

Sen povi pritrakti en la disertacio la diversajn opiniojn pri la objekto de lingvoplanado, ni diris kun Taŭli, ke tiu relative juna disciplino de la sociolingvistiko okupiĝas pri demandoj de reguligado kaj plibonigado de ekzistantaj lingvoj kaj pri la konscia kaj laŭplana evoluigado de regionaj, naciaj kaj de la kreo de internaciaj lingvoj. Do estas proksimaj rilatoj inter lingvoplanado, lingvonormigo (terminologio-normigo), lingvo-kulturado (lingvokulturo) kaj lingvo-reguligado. Tiujn rilatojn la laboro nur povis tuŝi.

La problemoj de la lingvoplanado kaj de planlingvoj same havas intimajn tuŝpunktojn. Inter la celdirektita, konscia kaj laŭplana reguligo interne de historie kreskintaj lingvoj kaj la laŭplana kreo de tutaj lingvoj (planlingvoj) kaj ties internacia aplikado ne estas esenca diferenco.

Krome la pliampleksiĝanta intensiviĝo de la internacia kunlaboro postulas raciigon kaj pli altan efikon de la internacia komunikado kaj per tio sekve „la planadon de la disvolviĝo de la lingva monda proceso" (Deŝeriev) (p. 30 — 36) ĉe tio ne nur temas pri la esploro de signifo de apliko de internacia planlingvo sub la kondiĉoj de la paca kunekzistado kaj de la scienc-teknika revolucio (pragmata kaj interlingvistika aspektoj).

Grava ankaŭ estas la demando, ĉu la spertoj de funkcianta planlingvo (Esperanto) estas utiligeblaj por la laŭplana evoluigo de naciaj lingvoj.

Ankaŭ tiuj demandoj devos fariĝi objektoj de esploro kaj nur povis esti menciitaj en nia disertacio.

La konciza prezento de la klopodoj krei kaj internacie apliki planlingvojn montris, ke de la ĉ. 700 — 900 *projektoj* nur malmultaj povis akiri praktikan aplikon. Temas pri la *semiplanlingvoj* (duonplanlingvoj) Volapuko, Latino sine flexione, Ido, Occidental-Interlingue, Novial, Interlingua (p. 36 — 49).

Sole nur Esperanto dum pli ol 80jara historio povis evolui al *planlingvo.* Sekve problemoj de la planlingva demando en pli granda amplekso nur povas esti traktataj ĉe la ekzemplo de Esperanto. Esperanto pruviĝis taŭga por skriba kaj buŝa utiligo por la celoj de la internacia komunikado. Ĝi disponas pri internacia parolantaro (parolanta komunumo), ŝanĝiĝas kaj evoluas surbaze de la bezonoj de tiu parolantaro (p. 49 — 52). La relative konsiderinda sukceso de Esperanto estas klarigebla kaj el la sistemkarakterizoj de la lingvo *lingvaj kaŭzoj)* kaj el eksterlingvaj *kaŭzoj.*

Ĉar certe estas imageblaj lingve pli perfektaj sistemoj ol Esperanto, oni devas supozi, ke la nelingvaj kaŭzoj decidis pri la sukceso de Esperanto.

Tiu problemaro tamen ankoraŭ bezonas pli precizan esploron. Al la sistemkarakterizaĵoj gravaj por la relativa sukceso de Esperanto precipe apartenas la laŭregula kaj precipe aglutina stukturo de la lingvo kaj la alta kvoto de romana leksiko. Esperanto estas malferma funkcie konceptita sistemo (p. 53 — 54). Planlingvo de skema tipo de la aposterioria grupo (kp. la klasifon p. 39 — 44) do ŝajnas esti speciale taŭga por la internacia komunikado.

La konfronta komparo de kelkaj problemoj de la *vortfarado* de la germana kaj de Esperanto, kiel estas provite en ĉi-tiu laboro, pli klare reliefigas karakterizaĵojn de ambaŭ komparataj lingvoj.

Tiu-ĉi komparo liveras materialon por la prijuĝo de la komunikadaj kapabloj de la germana kaj de Esperanto. Tamen, kompara prijuĝo de la komunikadaj kapabloj de lingvoj postulas multe pli ampleksajn kaj multflankajn esplorojn, ol tio eblis en la prezentita laboraĵo. Ekzemple ne eblis prezenti kvantigajn esplorojn.

Ankaŭ gravas por estontaj esploroj, entrepreni komparajn analizojn de la komunikadaj kapabloj de naciaj lingvoj kaj de Esperanto precipe rigarde al la rolo de *internacia* komunikilo.

En la kadro de ĉi-tiu laboro ankaŭ ne eblis prezenti, en kia grado la kompara esploro de la vortfarado de ambaŭ lingvoj donos impulsojn por celdirektitaj ŝanĝoj de la leksiko de la germana (ekz. en la sfero de terminologio).

Ni nun resumes la plej gravajn rezultojn de la konfrontado de problemoj de la vortfarado.

La *konfrontado de la sememoj* de kelkaj leksemoj de la germana kaj de Esperanto (Land/lando, sauber/pura, rufen/voki, evidentigis, ke *polisemio* ekzistas en ambaŭ lingvoj.

Ankoraŭ mankas precizaj esploroj pri la evoluo kaj la amplekso de la polisemio en Esperanto. Sed oni povas supozi kun granda probableco, ke la polisemio en Esperanto estas malpli forte evoluinta ol en la germana.

Nur kelkaj malmultaj kontroloj atentigas, ke la polisemio de la Esperantaj leksemoj pligrandiĝis en la daŭro de la evoluo de la planlingvo. Polisemio apartenas al la bazaj ecoj de lingvo. La funkciado de planlingvo en la praktiko do sekvigas la evoluon de polisemio de ĝiaj leksemoj. Pli precizaj konfrontaj analizoj pri polisemio de la leksemoj en la germana kaj en Esperanto eventuale ebligos certajn eldirojn pri optimuma por la komunikado grado de polisemio. Ĉe la leksemoj Land/lando kaj sauber/pura oni povis evidentigi partan identecon, ĉe rufen/voki fortan alproksimiĝon al identeco de la signifoj. (p. 56 — 60)

Ampleksaj konfrontaj komparoj de la signifo-rilatoj inter la leksemoj de diversaj naciaj lingvoj kaj tiuj de Esperanto povus heligi la demandon, en kia grado la signifo de la leksemoj de Esperanto estas influataj de naciaj lingvoj.

La konfrontado de la *morfeminventaro* (p. 61—71) de ambaŭ lingvoj montris la ekziston de *bazaj morfemoj, vortfaraj morfemoj* kaj *fleksiaj morfemoj*. En Esperanto krome ekzistas la *vortkategoriaj sufiksoj*, apartenantaj same al la vortfaraj morfemoj kiel transiraj formoj inter bazaj morfemoj kaj afiksoj. Por ambaŭ lingvoj oni povis distingi afiksoidojn. La bazaj morfemoj de la germana ĉiuj povas aperi en neligita formo. La vortfaraj morfemoj kaj fleksiaj morfemoj nur aperas ligitaj. En Esperanto la substantivaj (—o), la adjektivaj (—a) kaj verbaj (—i) bazaj morfemoj bezonas kompletigon per vortkategoria sufikso, do ne aperas neligitaj. Ĉiuj *afiksoidoj* kaj la plej multaj *afiksoj* de Esperanto ankaŭ povas aperi kiel ligitaj bazaj morfemoj (kun vortkategoria sufikso).

Tio ne validas por la germana lingvo. Al la germanaj afiksoj respondas en la plej oftaj kazoj en Esperanto afiksoidoj aŭ ankaŭ bazaj morfemoj. Ĉe la germanaj afiksoj kaj afiksoidoj polisemio kaj homonimio estas relative forte evoluintaj. En esperanto tiuj fenomenoj nur aperas ankoraŭ en malgranda grado.

Historie kondiĉitaj ŝanĝoj de la bazaj morfemoj (umlaŭto, ablaŭto, morfemkunfandiĝoj. unikalaj morfemoj), kiuj en la germana relative oftas, mankas en la planlingvo.

La *kombiniveco de la morfemoj* (p. 71 — 76) al vortsintagmoj en ambaŭ lingvoj estas relative forte evoluinta, tiel ke derivaĵoj kaj kunmetaĵoj oftas.

La faktoroj, influantaj la kombinivecon de la morfemoj en ambaŭ lingvoj, ankoraŭ postulas pli precizajn esplorojn.

Al ili apartenas *la ekzistado de denotato, la efikado de la ankoraŭ malmulte esploritaj* leĝecoj de la *fonetika-morfologia* kaj de la *semantika interna valento (Stepanova)*, krome faktoroj kiel *analogio, lingva tradicio, lingva hazardo, fenomenoj de la interfero* k. a.

La ekzistado de denotato por la ekestiĝo de vortsintagmoj en ambaŭ lingvoj estas de sama signifo. Por la kombiniveco de la morfemoj en

la germana, ŝajne en pli granda grado ol en Esperanto, gravas la faktoroj de la fonetika-morfologia valento *(fonema strukturo de la morfemoj, nombro de la silaboj de vorto, ekzisto de juntaj elementoj, umlaŭto, ablaŭto, sonperdo)* kaj fenomenoj de la *lingva tradicio*, de la *lingva hazardo* (Stepanova) k. s.

En Esperanto same efikadas multaj de la menciitaj faktoroj, sed ekz. mankas juntaj elementoj, umlaŭto kaj ablaŭto.

Kiomgrade jam influas la konstruon de morfemsintagmoj en Esperanto lingva tradicio, analogioj, lingva hazardo kaj nacilingva influo, nur eblas prijuĝi post pli ampleksaj esploroj. Oni povas supozi, ke tiuj fenomenoj en Esperanto pro la malalta aĝo de la planlingvo (ek de 1887) estas malpli evoluintaj ol en la germana. El tio sekvas, ke la faktoroj de la semantika valento *(semantika harmoniigeblo de la morfemoj)* en la planlingvo efikas pli amplekse ol en germana lingvo.

Kvankam ankaŭ Esperanto tute ne estas senescepta sistemo, oni povas supozi, ke la kombiniveco de la morfemoj entute estas pli alta en la planlingvo ol en la germana. Tiu problemo ankoraŭ necesigas pliajn esplorojn kaj kvantigajn verigojn.

*Komparo de la strukturoj de morfologia-semantika motivigo* (p. 76—83) de kelkaj leksemoj en Esperanto kaj en la germana montris, por la samaj denotatoj aperas malsamaj aŭ samaj *motiv-strukturoj*. En la planlingvo same ekzistas certaj *idiomatismiĝaj fenomenoj*. Tamen oni povas supozi kun granda probableco, ke idiomatismiĝoj en Esperanto estas malpli evoluintaj ol en la germana.

Tio ne nur ŝuldiĝas al la relative juna aĝo de la lingvo kaj al ĝia planiteco sed ankaŭ al la volo de ĝiaj parolantoj al internacia komprenebleco *(konscio pri reguloj, regulkonscio)*. La ekspliko de tiu-ĉi demando ankoraŭ postulas pliajn esplorojn.

Je la motivigo de la signifo de Esperanto-vortoj, simile kiel je ilia morfologia strukturo, konsiderinde efikas *nacilingvaj influoj* (p. 83—84), kiel ni povis montri per ekzemploj. Ankaŭ tiu-ĉi demando ankoraŭ postulas aldonajn esplorojn.

Ankaŭ oni povis atentigi, ke simile kiel en nacia lingvo ankaŭ en planlingvo *ideologio-dependaj faktoroj* influas la signifon de unumorfema vorto resp. la signifon de morfemkonstruaĵo tiel povante akceli aŭ malakceli la ekkonadon.

Tiu fakto estas respegulado de ideologigaj strukturoj, ekzistantaj en la Esperanto-movado precipe ek de la fino de la unua mondmilito ĝis al la nuntempo. (p. 85—87)

Ankaŭ al tiu temo estu dediĉotaj pliaj precizaj esploroj.

De speciala signifo por la signifo-motivigo de vortoj en lingvo estas la dialektika efikado de la *principoj de la lingva oportuneco kaj, de la sufiĉa redundanco.* (p. 88—93)
Ambaŭ principoj, efikantaj pere de la semantika funkcio de la kunteksto, zorgas por grandparte ekonomia signifo-motivigo de la vortoj. La efikado de tiuj principoj kondukis en Esperanto al plisimpligo de la signifo-motivigo (lingva oportuneco) konservante sufiĉan resp. plur-

fojan signigon de la enhavoj (redundanco). Tendenco al mallongigo de la vortoj, efikanta en ĉiu lingvo kaj ankaŭ en planlingvo, ligita, kun malkonstruo de la lingva redundanco, estas limigita per la volo al internacia komprenebleco, disvastiĝinta ĉe la parolantoj de Esperanto *(regulkonscio)*. La alta kombiniveco de la morfemoj de Esperanto certigas certagrade, kiel ni povis montri, fleksëblan kaj, depende de la kunteksto, fakultative precizan signigon de nocioj (ekz. manĝo aŭ manĝaĵo), kvankam tendencoj al idiomatismiĝoj, ŝanĝo de signifoj kaj aliaj faktoroj sekvigas certajn malregulaĵojn kaj ĝenojn.

Komparaj studoj pri la efikado de la principoj de oportuneco kaj redundanco en naciaj kaj planlingvoj devus ebligi pli precizajn eldirojn pri tiu-ĉi problemaro des pli ĉar tiu-ĉi demando i. a. estas de intereso por la terminologio-esploro, teknika lingvonormigo kaj lingva planado.

Oni povas supozi kun granda verŝajneco, ke la principoj de lingva oportuneco kaj de la redundanco en la planlingvo disponas pri pli da efika grado ol en naciaj lingvoj kaj do kondukos al pli granda „travideblecoˮ de la vortoj. La travidebleco de la vortoj, do ilia klara motivo-strukturo, akcelas la ekkonadon kaj plialtigos la disponeblecon de lingvo (speciale en rolo de fremda lingvo). Komparante la plej gravajn substantivajn, adjektivajn kaj verbajn vortfarajn modelojn ni pruvis, ke en la germana kaj en Esperanto la tri plej gravaj *vortfaraj procesoj kunmetedo, derivado kaj prefiksado* (p. 93—103) ne tute kongruas. *Kunmetaĵoj* en ambaŭ lingvoj estas tre disvastigitaj kaj ne montras tre gravajn diferencojn.

Distingante en la germana inter eksplicitaj (Schön/heit) kaj implicitaj *derivaĵoj* (Ruf), ni montris mankon de la lastaj en Esperanto. Al implicitaj germanaj derivaĵoj en Esperanto ĉiukaze respondas eksplicitaj derivaĵoj. Al la ofte nur malmulte motivigitaj *derivaĵoj* kaj *prefiksaĵoj* en la germana, en Esperanto ofte respondas pli klare motivigitaj kunmetaĵoj, aliaj vortradikoj aŭ vortgrupoj.

La malfaciloj ĉe la distingo inter kunmetado, derivado kaj prefiksado i. a. konfirmas la konstatojn i. a. de Wüster kaj Žepić, ke tiuj vortfaradaj manieroj principe estas de sama speco, nome la kombinado de signifo-portantaj neligitaj aŭ ligitaj morfemoj al vortsintagmoj.

La koncepto pri la proksimaj rilatoj inter vortfarado kaj sintakso, ofte trovebla en la literaturo pri vortfarado, estas konfirmita per la komparo de la vortfarado en Esperanto kaj en la germana.

Kunmetaĵoj en ambaŭ lingvoj estis transformeblaj en sintaksajn esprimojn. Ĉe tio la eblecoj de ekvivalenta transformo en Esperanto estas pli forte evoluintaj ol ĉe la germana pro la alta kombiniveco de la morfemoj.

La *transformoj de kunmetaĵoj* (p. 103—105) evidentigas la multajn semantikajn rilatojn de la senperaj konstituantoj. Esperanto disponas pri relative unueca teorio pri transformo de kunmetaĵoj akceptita de la Akademio de Esperanto. Tiu teorio celas doni normojn por la ĝusta analizo de la signifoj de la kunmetaĵoj kaj por la laŭsistema nomigo de nocioj. Ĉi-rilate ludas rolon la klasifo de la aŭtosemantikaj bazaj morfemoj en substantivan, adjektivan kaj verban signifo-kategoriojn.

Ĉe la pritrakto de la substantivo, adjektivo kaj verbo evidentiĝis, ke tiuj reguloj de la transformado de Esperanto-kunmetaĵoj respondas esence al la fakta situacio de la grandgrade regula Esperanto-vortfarado. Sed ekzistas kazoj, kiam tiuj reguloj ne kongruas kun la praktiko.

La ĝusta transformo de la kunmetaĵoj kaj en la germana kaj en Esperanto ne eblas sen la „materiala direktado" (Morciniec) aŭ la „scio pri la aferoj. kiujn volas esprimi la konstituantoj" (Gauger).

La komparo de la vortfarado de la *substantivoj en Esperanto kaj en la germana* montris:

En ambaŭ lingvoj oftas substantivaj kunmetaĵoj (p. 106—117) kun tre diversaj semantikaj rilatoj inter la Senperaj Konstituantoj. Ĉe tio plej oftas la *tipo S + + S* (substantiv(radik)o + + substantiv(radik)o: Haus/tür, dom/pordo).

La kombiniveco de la substantiv(radik)oj al la S + + S-strukturo (p. 108—112) en Esperanto ŝajne estas pli forte evoluinta ol en la germana, ĉar neniuj junto-elementoj, umlaŭto, ablaŭto k. s. donas al la kunmeteblo fonetikajn-morfologiajn limojn. En Esperanto tiuĉi tipo disponas pri pli da eblecoj de la transformado ol en la germana.

La *tipo A + + S* (adjektiv(radiko) + + substantiv(radik)o): Großstadt grand/urbo) speciale estas evoluinta en la germana. sed ankaŭ en Esperanto pli ofte aperas, kvankam la Akademio de Esperanto ne trovas ĝin laŭsistema.

Ankaŭ la *tipo V + + S* (verb(radik)o + + substativ(radik)o: Schreib/maschine, skrib/maŝino) en ambaŭ lingvoj ekzistas kun similaj transformeblecoj.

En Esperanto ankaŭ por tiu-ĉi tipo ekzistas pli da transformebloj ol en la germana. (p. 115—116)

Substantivaj derivaĵoj (p. 117—122) en ambaŭ lingvoj multe ekzistas. Ĉe tio al la eksplicitaj germanaj derivaĵoj, markitaj per polisemaj (heit) aŭ polifunkciaj (-er) sufiksoj en Esperanto respondas relative klare motivitaj kunmetaĵoj, ofte kun sufiksoidoj. (Bohr/er, bor/ilo)

Eksplicitaj derivaĵoj kun sufiksoj en Esperanto maloftas. Al implicitaj germanaj derivaĵoj en la planlingvo respondas eksplicitaj. (p 117—122)

*Subtsantivaj prefeksaĵoj* en ambaŭ lingvoj evoluis similstrukture. (p 122—123)

La komparo de la vortfarado de la *adjektivoj* (p. 123—131) *en Esperanto kaj en la germana* montris:

En ambaŭ lingvoj precipe estas disvastigita la adjektiva kunmetaĵo de la *tipo S* + + A (substantiv(radik)o + + adjektiv(radik)o: gefahr/voll, danĝer/plena). Ili lasas sin transformi en la plej multaj kazoj en prepozician vortgrupon. La pritransformaj reguloj de la Esperanto-adjektivo sufiĉas.

La adjektivaj derivaĵoj (p. 125—131) en Esperanto estas evoluintaj en pli granda varieco ol en la germana.

En la germana ne eblas, derivi de ĉiu radiko adjektivon (ekz. je -ig, -isch, -lich k. t. p.). En Esperanto de *ĉiu radiko* (resp. baza morfemo) eblas formi adjektivojn. La konfrontado ankaŭ substrekas la grandan polisemion de la germanaj sufiksoj, al kiuj plej ofte respondas monosemaj (unusignifaj) morfemoj en Esperanto.

Vortfaraj tipoj kiel ‚blauäugig' (blau/es aug(e) + ig) aŭ ‚untadelig' ((*ohn(e)* Tadel + ig), relative maloftaj en la germana, en Esperanto oftas.

Adjektivaj prefiksaĵoj en ambaŭ lingvoj ĝenerale ekvivalentas. (p. 131)

La komparo de la vortfarado de la *verbo* (p. 132 — 152) *en Esperanto kaj en la germana* montris:

Specialaj ortografiaj problemoj (malkuna skribado, majuskligo kaj minuskligo), konata por la germana verbo, ne ekzistas en Esperanto.

*Verbaj kunmetaĵoj* en la germana oftas. La vortfaraj tipoj *S + + V* kaj A + + V en Esperanto multe pli ofte aperas ol en la germana. La granda produktiveco de la *A + + V*-tipoj en Esperanto ankaŭ kaŭziĝas el tio, ke faktitivoj (säubern: pur/igi) kaj durativoj inkoativoj (altern: maljun/iĝi) estas kunmetaĵoj de la tipo A + + V. Similan ni ne trovas en la germana.

Ankaŭ la V + + V-tipoj (verb(radik)o + + verb(radik)o: preß / schweißen, klin/saluti) en la germana maloftaj, en Esperanto pli multas, i. a. ankaŭ tial, ĉar *ĉiuj* kaŭzativoj en Esperanto reprezentas la tipon V + + V. (stellen, star/igi)

Eksterordinare multnombraj, certe pli multnombraj ol en Esperanto, estas la germanaj partiklo-verboj. La tipo *vortgrupo + + V* en la germana apenaŭ sed en Esperanto ofte ekzistas.

La tri reguloj pri transformo por verbaj Esperanto-kunmetaĵoj, tiel evidentiĝis, sufiĉas por la transformo de la verbaj kunmetaĵoj en Esperanto. (p. 132 — 142)

*Verbaj derivaĵoj,* precipe *desubstantivaj,* en ambaŭ lingvoj aperas kun granda semantika multeco. Al kelkaj germanaj desubstantivaj derivaĵoj (privativoj kiel „köpfen" kaj faktitivoj kiel „knechten") en Esperanto respondas klare motivitaj kunmetaĵoj (sen/kap/igi, servist/igi).

Supozeble profunda esploro de la desubstantivaj verbaj derivaĵoj en Esperanto povus pli precize prilumi la aserton de Behaghel, laŭ kiu la desubstantivaj verboj „ĝenerale servas al la konigo de *tiu* ago, *tiu* proceso, kiu plej facile enpenetras en la konscion ĉe mencio de la substantiva nocio". (p. 142 — 146)

*Deadjektivaj verboj,* en la germana relative maloftaj kaj aperantaj en tri morfologie ne ĉiam distingeblaj grupoj (1. faktitivoj kiel ‚glätten'. 2. durativaj inkoativoj kiel ‚gilben' kaj 3. stataj verboj, t. e. ofte kun ‚sein' transformeblaj verboj kiel ‚kranken', ‚blauen') en Esperanto estas redoneblaj per tri morfologie klare motivitaj konstruaĵoj (1. A + + igi, glat/igi; 2. A + + iĝi, flav/ iĝi; 3. A + i; blu/i). La tria grupo, tamen, en Esperanto montras grandan semantikan multecon kaj postulas ankoraŭ pli precizan esploron. (p. 146 — 149)

*Prefiksaĵoj* (verboj) en la germana estas multe pli evoluintaj ol en Esperanto („nesuperrigardebla kaj malfacile ordigebla amaso" — Henzen). Ili disponas en la germana pri eksterordinare riĉaj, se ankaŭ komplikaj kaj grandparte neregulaj eblecoj de la semantika nuancigo ĉe granda oportuneco en uzado (por la germano).

Al multaj germanaj prefiksaĵoj kun polisemaj prefiksoj (ver-, be-, ent-) en Esperanto respondas regule motivitaj kunmetaĵoj, aliaj vortradikoj aŭ vortgrupoj. Tiel kiel iuj prefiksaĵoj en la germana signas Aktionsart (aspekto) ankaŭ en Esperanto iuj kunmetaĵoj, same signas Aktionsart (ekz. la komencon de la ago, ek-) (p. 149 — 152).

La problemoj el la vortfarado de la germana kaj de Esperanto i. a. atentigas pri jenaj vidpunktoj:

– Simile kiel en lingvo stampita de la longa historio (nacia lingvo, popola lingvo) ankaŭ la planlingvo Esperanto elformis diakronian ebenon. Tio ofte estas kontestata. La elformiĝo de polisemio, la efikado de la nacilingvaj influoj je la semantika kaj morfologia strukturo de la vortoj, idiotismaĵoj, ideologie kondiĉitaj diferencoj en la leksiko, ŝanĝoj de la vortsintagmoj pro la efiko de la principoj de la lingva oportuneco kaj de la redundanco, ĉio-ĉi estas pruvoj por la diakronia ebeno en Esperanto. Ĉiu lingvo, ankaŭ planlingvo, respegulas la dialektikan rilaton inter lingvo kaj socio, estas historia kategorio kaj tial submetita al ŝanĝoj. Sinkronia priskribo do ĉiam ankaŭ devas konsideri diakroniajn vidpunktojn.

– Diference al nacia lingvo, en nia kazo la germana, planlingvo kiel Esperanto disponas pri relative alta reguleco kaj malgranda defekteco en la vortfara sistemo. Esperanto utiligas siajn vortfarajn potencojn pli regule kaj pli sisteme ol la germana. Tamen estus malĝuste aserti, ke Esperanto estas tute regula lingvo sen esceptoj.

– Centra lingvoteoria problemo estas tiu pri la rilato inter „leksikono" kaj gramatiko. Krom pri „registroj en la leksikono" (leksemoj) la lingvo devas disponi pri reguloj, por ke la signifounuoj, esprimitaj per vortoj kaj leksemoj, estas kunigeblaj en la frazo kaj en teksto al pli grandaj signifo-unuoj. Rilate al la vortfarado tio signifas, ke por la plivastigo de la vorttrezoro aŭ por la fiksigo de novaj terminoj en lingvo gravan signifon havas klaraj reguloj pri la morfemkombinado (vortfarado). Tiu vidpunkto estas kontrolebla ĉe planlingvo.

La ĉefa celo de la prezentita laboro ne tiom estis, komplete trakti problemojn. Temis multe pli pri tio, atentigi pri ĝis nun malmulte konataj demandoj kaj vidpunktoj, konstatendaj kunlige al la planlingva problemaro kaj la demandoj de la lingva planado.

---

**Sukcesa II-a Centra Konferenco en Leipzig**

De la 5-a ĝis la 7-a de novembro 1976 okazis en Leipzig la II-a Centra Konferenco de la Esperantistoj en Kulturligo de GDR. Tiun konferencon senpage partoprenis 180 delegitoj el ĉiuj distriktoj de GDR kaj krome 20 eksterlandaj gastoj.

Ni amplekse raportos en n-ro 1/1977.



**Josef Vítek 65-jara**

La 29an de majo 1976 ĝisvivis sian 65-an jaron Josef V í t e k, emerita instruisto, la prezidanto de Ĉeĥa Esperanto-Asocio, komitatano de UEA, gvidanto de la Esperantista Grupo de pacdefendantoj en Mělnik. J. Vítek aktive laboris kiel komitatano de la postmilita EA ČSR, per Esperanto prelegvojaĝis en Skandinavio kiel sendito de kulturministerio, post la likvidiĝo de EA ČSR en 1951 eldonadis Bultenon de EK Praha. En 1955 li estis elektita kiel prezidanto de Tutŝtata Konsulta Komitato Esperantista. En la lastaj jaroj precipe kiel prezidanto de ĈEA (ekde 1969) kaj de ĈSEF Josef Vítek grave kontribuis al plifirmigo de la ĉeĥa movado kaj de ties internaciaj kontaktoj.

Josef Vítek havas multajn personajn amikojn en GDR. En ilia nomo kaj en nia propra ni varme gratulas al la jubileulo, dezirante sanon kaj multajn sukcesojn en la plua esperantista agado. Centra Laborrondo



**10. Seminar für Zirkelleiter der Esperanto-Gruppen**

Das 10. Seminar für ehrenamtliche Leitungskader der Esperanto-Gruppen im Kulturbund der DDR findet vom 31. 1.—4. 2. 1977 in Altenhof am Werbellinsee statt. Das Seminar wird einen ähnlichen Charakter wie die vorangegangenen sehr erfolgreichen haben. Interessenten melden sich bitte nach Absprache mit ihrem Bezirksarbeitskreisvorsitzenden umgehend beim Zentralen Arbeitskreis. Die Teilnahme ist kostenlos.



**4. Jugendseminar 1977**

Das 4. Seminar für junge Esperantisten der DDR findet vom 21. bis 25. 3. 1977 in Altenhof am Werbellinsee statt. Interessenten melden sich nach Absprache mit dem Vorsitzenden des Bezirksarbeitskreises beim Zentralen Arbeitskreis. Die Teilnahme ist kostenlos.



**Ni funebras:**

Forpasis la 17. 8. 76 en aĝo de 90 jaroj Walther Etzold el Leipzig.



**Gratuloj:**

Okaze de lia 70-a vivojubileo la 14. 10. 76 CLE tre kore gratulas al Alfred Müller el Karl-Marx-Stadt, komunisto kaj antifaŝisto, laborista esperantisto.



**Pri la lingvo de estonto**

nomiĝas ampleksa (700 vorta) artikolo de O. Kníchal publikigita en la ĉefa ĉeĥoslovaka ĵurnalo „Rudé právo" la 31an de julio. La aŭtoro traktas en ĝi la problemon de multlingveco kaj ties solvon, kiun prezentas planlingvo. Estas menciitaj ankaŭ eldiroj de V. I. Lenin pri la egaleco de lingvoj, kiujn pravigas rezultoj de la nacieca kaj lingva politiko de la soveta ŝtato. O. K.

# KORESPONDDEZIROJ 31635

## GDR

Komencantino, 20-jara, dez. koresp. tutmonde. Ramona Wagner, **DDR-9201 Ditterbach,** 46

Ralf Poele, **1421 Sommerfeld,** Hohenbrucher Straße 13, instruisto, 37-j., dez. kor. pri literaturo, naturprotektado spec. por pejzaĝoj, flaŭro, besta regno, mineraloj

s-ino Gabriele Brandt, **45 Dessau,** Kochstedter Kreisstr. 983, AWH Block A 5 / 57 kun ĉ. l., pri ĉ. t.

s-ro Lutz Liesegang, **1614 Zernsdorf,** Karl-Marx-Straße 5, kun ĉ. l. pri ĉ. t.

s-ino Brunhilde Stoetzer (38-j.), **1542 Finkenkrug,** Waldstraße 42, interŝ. il. pk. kun ĉ. landoj, certa respondo

s-ino Eva Philipp (38-j.), **8601 Muschelwitz,** dez. interŝ. b. k. k koresp. kun samaĝaj esperantistinoj

s-ino Ingrid Fischer, **14 Oranienburg,** Lindenring 14, kun ĉ. l. pri ĉ. t.

## Pollando

Wincenty Andrysiak, str. Kruczkowskiego 5 m 14, **58-309 Wałbrzych,** skr. poczt 303, dez. kor. tutmonde pri literaturo, kol. pm.

Junulo, 23j., dez. kor. k. gejunuloj pri sporto, moderna muziko, kol. bk.: Leslaw Kuriata, ul. Zamkowa 8/5, **55-051 Sobótka 3**

Studentino dez. kor. pri literaturo, sporto, turismo: Anna Sujka, Zaraszów, **23-100 Bychawa,** woj. Lublin

Petro Kolodziej, PK 31, **Pl-44-101 Glivice,** dez. kor. tutmonde pri turismo, geografio, kol. pm. bk.

Junulino, 16j., dez. kor. pri muziko, filmo: Eva Miara, ul. Al. Wojska Polskiego 11, **59-700 Boleslavice, SL.**

Doktorino, 26j., dez. kor. k. esp. el GDR pri lingvoj, turismo ktp.: Jadwiga Placek, **37-450 Stalowa Wola,** ul. Podleśna 21/53

Junulino, 18j., dez. kor. k. germ. esperantistoj pri muziko, sporto, kino: Jolanta Seweryn, **Krapkowice 3,** ul. Krasickiego 5/83

## Soveta Unio

Studento, dez. kor. precipe kun gejunuloj el Bulgario kaj Svedio pri aŭtomobiloj, fotografioj, turismo, (18j.) Nagornij Viktor Vladimiroviĉ, **105 266 Moskvo, E** - 266, poŝtrestante

Lernantinoj, 14j., dez. kor. tutmonde kun geknaboj pri muziko, literaturo: Larisa Kaŝicyna, **Ivanovo - 14,** d. 200 ĉ. 43, Ira Lebedewa, **Ivanovo - 24,** str. Kalaŝnikov d. 56 ĉ. 2

Dek novaj geesperantistoj dez. kor. tutmonde: Skribu al ilia gvidanto Fotul Nikolao, **295 540 Vinogradov,** Zakarp, Gorkij Str. 84

Inĝenierino, 23j., dez. kor. pri literaturo, muziko, kol. pm.: Tamara Artemjeva, **Bobrujsk - 9,** Ostrovskogo 45 - 9

Lernantino, 20j., dez. kor. pri muziko, literaturo, kol. insignojn, diskojn, kalendarojn: Sirje Kutsar, Imanta 5 - 44, **Tallinn 200 001,** Estonio

Knabo, 15j., dez. kor. tutmonde, kol. pm.: Rimas Norvilas, **235 700 Kretinga,** gve Klaipedas 55, Litovio

60 membroj de nova siberia E-klubo dez. kor. tutmonde pri ĉ. t.: Esperanto-Klubo, **660 075 - Krasnojarsk,** pk. 2420, Siberio

Estonino, 22j., dez. kor. tutmonde: Esti Olt, **202 020 Kohtla-Järve - 3,** Str. Sakala 18, Estonio

Du studentinoj, 22j. kaj 18j., dez. kor. tutmonde pri ĉ. t.: Belajewa Anna Markodna, **720 064 Frunze - 64,** 3 mikroregiono, d. 18, l. 20 — Sitnikova Tamara Ivanovna, **720 017 Frunze - 17,** Belinskijstr. d. 10, l. 13

Laboristo, 27j., dez. kor. tutmonde pri ĉ. t.: Eugenij Kononenko, **urbo Toljatti,** Primorskij bulv. 228, loĝ. 210

Komencanto, 15j., dez. kor., kol. bk: Victor Naanuri, str. Koidu 6—6, 202 900 **Viljandi,** Estonio

---

**Herausgeber: Kulturbund der DDR (Zentraler Arbeitskreis Esperanto).**
**Redaktion: 108 Berlin, Charlottenstr. 60. Fernruf: 2 20 29 91**
**Verantw. Redakteur: Dr. Detlev Blanke.**
**Redaktionskommission: Hans Heinel,** Werner **Pfennig, Rudi Graetz,** Rudolf **Hahlbohm, Ludwig Schödl. - Veröffentlicht unter der Lizenz-Nr. 648 des Presseamtes beim Vorsitzenden des Ministerrates der DDR. - Erscheinungsweise: 6mal im Jahr. Preis pro Einzelheft 30 Pf.**
**Druck: Druckwerkstätte Glauchau**
Artikel-Nr. (EDV) 7928 III-12-8 1071